# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* — *№ 1 (68) februaro 2012*

**la rusa Novjaro en IF**



**en la numero**

*bonvenon al "Apero"*
*impresoj pri "Impresoj"*
*Mikaelo Bronŝtejn rakontas pri IF*
*forpasis Vladimir Korĉagin, Vida Jerman, Eli Urbanová*
*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

**Moskvo, 2012**

# enhavo






Natalja Glaznica – ĉeforganizantino de “Impresoj”


**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

**№ 1 (68) februaro 2012**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2012:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono** – 200 rub. (5 eŭroj)*

# Pri IF kaj mia kvarlando



*  *  *

*Ne efektiviĝis kredata aŭgur'...*
*Jam neĝ' pasintjara delonge degelis,*
*Jam verdon ventegoj balae forpelis,*
*Jam eĉ de l' aŭtun', kiu ĵus forfabelis,*
*Sub freŝa neĝet' malaperas la spur'.*

*Ne efektiviĝis! Eĥ, ci, aŭgurist',*
*Anstataŭ karoo metinta la trefon,*
*En ĉies anim' bruliginta la revon,*
*Al ni promesinta senduban ricevon*
*De l' deziratâĵoj dumjare laŭ list'...*

*Ĉu nin dolorigas de l' temp' malaper'?*
*Ĉu ofte de l' tristo aŭdiĝas la gurdo?*
*Ĉu l' sorto la plendojn ne aŭdas en surdo?*
*Ne efektiviĝis kredita aŭgur', do*
*Ni kredu la novan kun bona esper',*
*dum daŭras la vojo...*

La vojo volvis min fru-frumatene la 25-an de decembro 2011 per sinsekva vico de trafikrimedoj: buso, trajno, metroo, denove buso, avio, alia avio kaj, fine de la tago, – aŭto de Volodja Ebel, antikva, ekde-SEJM-a amiko. Honestadire, iom tro por unu tago, sed la laciĝon forigis bona dormo en la amika hejmo. La dormo tre bonvena antaŭ la sekvaj sep sendormaj noktoj. La noktoj de IF.

Se iu ĝis nun ne scias – IF estas Internacia Festivalo, okazanta jarfine en diversaj lokoj de Germanio kun tre komforta kvanto de la partoprenantoj – inter cent kaj ducent. Jes ja, komforta, ĉar oni havas ŝancon konatiĝi kun ĉiuj, kio tute ne eblas dum pli amasaj aranĝoj. Ĉi tiu IF, jam la 28-a, okazis en Xanten, la plej norda kolonio de antikvaj romianoj (Colonia Ulpia Trajana) kaj posta sidejo de Nibelungoj, do urbeto kun io-tio nepre vizitinda. Ve, ne multan tempon mi havis por la vizitado, ĉar la programo de ĉiu IF estas plena de ĉeestindaj aranĝoj; ankaŭ la ĉi-jara ne estis escepto.

Por la kadra temo "Benelukso" kontribuis unuavice aro da prelegoj, i.a. "Du popoloj, disigitaj de la sama lingvo" de Kristin Tytgat, "La luksemburga – estiĝo de nacio kaj estiĝo de lingvo" de Brian Moon kaj mia – "Rusio kaj Benelukso – kelkaj jarcentoj de interrilatoj". Sed la pritemajn sciojn provizis ankaŭ du bonegaj ekskursoj al la apuda Nederlando – tuttaga al ĉarma Nijmegen kaj duontaga al ne malpli ĉarma Gennep. Kaj ankaŭ la nederlanda vespero, gvidata de humurema akordionisto Kees Ruig.

Ho, ne malpli interesa estis ĉio, okazinta ekster la kadra temo. Oni povis aŭdi plorvokan rakonton de japanoj Masumi kaj Tacuo pri la teruraj eventoj en Fu-




kuŝima, la impresplenan de italoj Ugo kaj Annarosa pri la reva lando Armenio kaj la frandindan de israelano Amri pri Kilimanĝaro kaj Namibio. Oni povis frekventi prelegaron de IVU (Internacia vintra universitato) por kleriĝi pri novaj planedoj kaj sunsistemoj, gvidate de spertega fakulo Amri Wandel, aŭ pri historio de enciklopedioj kaj Vikipedio, ĉe gvido de Ziko van Dijk, fakulo ne malpli sperta. Al foraj landoj sopirigis raportoj de Remy Bouchet pri vojaĝo en Laoso kaj de Tatjana Loskutova pri ŝia E-instruado en Indonezio. Manlertuloj estis vokataj lerni prilaboron de sapŝtono aŭ perlofaradon, revemuloj – al la fabelaj mondoj de Anna Striganova kaj Dima Ŝevĉenko aŭ al spertiĝo pri mantroj kun Kees Ruig.

Aparte ĝojigis min, ke ĉe tiom granda konkurenco (3-4 aranĝoj samtempe) troviĝis tamen multaj elektintoj aŭdi pri la 20-jara historio de la eldonejo "Impeto", prezentita de Dima, Anna kaj mi, ankaŭ pri ses novaj libroj, kies aperon mi partoprenis diversgrade en 2011.

Memkompreneble, ĉiujn IF-anojn kunvenigis la vesperoj. Plensukcese okazis la rusa, kies scenaron kaj aranĝon preparis juna talentulino Anja Striganova. Samaplaŭde estis akceptitaj la prezentaĵoj de Georgo Handzlik – koncerto kaj monospektaklo "Ludoviko", kaj eĉ pli – la tradicia Internacia vespero. Mi eĉ ne diru multe pri la Novjarnokta Silvestra balo kun bankedo, kiu brile kronas la programon ĉiujare...



Patronas, organizas, prizorgas kaj kunordigas ĉion en IF la grandioza (ne nur laŭ

pezo) figuro de la mastro, kiun la IF-anoj nomas HDP, sed eksteruloj – s-ro Hans-Dieter Platz. Li ĉiam eltrovadas lokojn por IF-oj du jarojn antaŭ okazigo de tiuj kaj ĉe Novjaro anoncas la vican lokon. Do, ne reklame sed konsile, mi komuniku, ke la vica, dudek naŭa IF okazos en Dortmund inter 27.12.12 kaj 03.01.13.



La 28-a IF finiĝis la 3-an de januaro, sed min denove volvis la vojo. Al la brila Parizo, kie mi koncertis ĉe la placo Bastille. Al la majesta Lille – por prelegi kaj kanti tie. Samcele – al belegaj belgaj urboj Antverpeno, Oostende, Brugge kaj eĉ al ĉarma vilaĝo Peer. Ĉie mi havis afablajn esperantistajn gastigantojn, belan sunriĉan veteron, multnombran, bonkoran kaj tre kompreneman publikon, ne nur esperantistan. Kaj kelkajn bonajn inspirajn temojn por novaj poemetoj. Kiujn mi tamen prezentu alifoje.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## IMPRESOJ PRI "IMPRESOJ"

*La 6-an – 9-an de januaro 2012 en Apudmoskvo pasis nova E-renkontiĝo "Impresoj", kiun preparis teamo de esperantistoj: Natalja Glaznica, Oljga Terentjeva, Svetozar Laŝin. En ĝi partoprenis 19 personoj (12 viroj kaj 7 virinoj). Sube vi povas legi rakontojn kaj impresojn de diversaj partoprenintoj pri la aranĝo.*



***<u>Svetozar Laŝin</u>***

La aranĝo aperis kiel ideo en la senpaca kapo de Nataŝa Glaznica, verŝajne antaŭ multaj jaroj. Vojaĝante tra verdaj arbaroj kaj ne tro verdaj riveroj de nia lando kaj partoprenante diversajn aranĝojn, ŝi pensis: "mi nepre faros pli bonan". Nur mankis al ŝi konvena ilo. Tiu ilo iĝis mi, kiam ŝi rakontis al mi la ideon fari aranĝon dum tre bela, sed kutime forgesata tempo – la kristnaskaj festoj. Alia ilo estis Oljga Terentjeva.




Plia grava homo estis sinjoro Nikos (Nikolaj Krjukov), kun kiu mi finfine konatiĝis en oktobro 2011 (jam havante lin en ĉiuj eblaj kontakt-listoj sen ideo kiu li fakte estas). Dum la aŭtuno li gvidis kursojn de Esperanto en Moskvo. Mi kaj Nataŝa intencis venigi al la aranĝo multajn lernantojn de tiuj kursoj, kaj ĉar la kursoj okazis en iu hipia klubo, preskaŭ ĉiuj partoprenantoj estis veganoj. Do Nikos proponis sin kiel kuiriston kaj kompilis por ni veganan menuon, promesante ke ĝi kontentigos ĉiujn. Sed kiam la aranĝo okazis, evidentiĝis ke el inter la plentempaj partoprenantoj Nikos estas la sola vegano. Nu, des pli granda estis por li la oportuno reklami la veganan kuirarton.

Apartan alineon meritas Nataŝa mem. Ŝi mem trovis la ejojn – du domojn en Ramenskoje kun akvo, hejtado kaj cetera plena ŝiko. Ŝi mem kompilis la programon kaj invitis multajn homojn. Finfine, ŝi estis la financa garantianto de nia nepra malfiasko.

Kelkaj rimarkindaj partoj de la programo estis:

– Ĉiutaga kurso de Esperanto, kiu kutime konsistis el ludoj.

– Teatraĵoj, kiujn partoprenis preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj laŭvice. Kutime oni vidis siajn rolojn nur kvin minutojn antaŭ la prezentado, do agrabla surprizo estis la jam preta teatraĵo alportita el Samaro.

– Kristnaskaj bondeziroj, skribataj de ĉiuj kaj disdonataj hazarde el sako.

– Poezia vespero – bonega surprizo de Irina Gonĉarova.

– Vortludo "ĉapelo" – same bonega ŝia iniciato.

– Farado de abiaj ornamaĵoj el lampoj.

– Aktivaj paroligaj ludoj.

El neokazintaj programeroj mi mencius la ideon de Nataŝa verki scenaron de filmo kaj tuj filmi ĉion dum tiuj kvar tagoj.

La ĉefa celo estis kunigi multajn homojn, kiuj volas ekparoli, kaj kelkajn spertulojn por paroligi ilin. Multon ŝanĝintus ankaŭ veno de eksterlandanoj. Bedaŭrinde, neniu invitita eksterlandano venis, kaj mi ne vidis miraklojn de rapida esperantistigo similajn al la viditaj dum internaciaj kongresoj, sed la preskaŭ-ĉiamobeata de ĉiuj lingva disciplino kaj la lingva konduto de la komencantoj plezurigis

min.

La cefa kaj plej abomena antaŭtimo estis nesufiĉa kvanto de partoprenontoj, dum la dometoj jam estis menditaj. Mi mem ne scias la bilancon, sed supozas ĝin esti proksimume egala al nulo, do tiu antaŭtimo ne realiĝis. Alia antaŭtimo estis ke nenio sukcesos entute kaj oni mallaŭdos nin. Sed, kiel ni scias, ĉiuj malsukcesoj malsukcesis. La tria antaŭtimo estis ebla aliĝo de iu dubinda publiko en la kondiĉoj "ĉiu homo kaj ĉies kotizo gravas". Mi ne havas tiom da sperto pri enlandaj E-renkontiĝoj, do pri nekongrueco de publiko mi aŭdis nur per la meza paro de miaj oreloj. Feliĉe, nenio timiga okazis, kaj mi ne eksciis kiel aspektas konfliktoj dum E-aranĝoj.

La plej ĉefa malfacilaĵo dum la preparado estis nesufiĉa lingvoposedo flanke de miaj kunorganizantoj, sed tiu malsano estas kuracata per injektoj kaj per aldona labortempo por mi. Dum la aranĝo ni uzis specialan pneŭmatan bastonon kiel averton kontraŭ krokodilado.

Fine, ĉiu kampara domo havas siajn trajtojn kaj specialaĵojn. Ni estis ĝojaj konatiĝi kun tiaj specialaĵoj kiel la magia necesĉambro, kiu nur akceptas homojn, sed ne ellasas, aŭ la magia enireja lampo, kies spiralo lumas, malgraŭ ke en la lampo mem estas akvo, aŭ la duŝejo, kie oni devas kunhavi tenajlon se oni volas vere duŝi sin.

Mi ŝatas la tempon de la aranĝo: fino de la januaraj ferioj. Tiam homoj jam estas revenintaj el la eŭropaj novjaraj kongresoj, kaj ni proponas al ili oportunon daŭrigi la festojn en Esperantujo. La bone festintaj jam estas satdormintaj kaj sobraj, kaj tio estas la dua parto de nia vizaĝo: ni propagandas sanan vivstilon kaj ne akceptas alkoholon. La tria parto estas kvar tagoj: se la programo estos pli bone anoncata, oni povos plani sian partoprenon por ajna kvanto da tempo, kaj la malpli okupitaj homoj povos ĝoji la Esperantan etoson pli longe ol kutime. Sed por ke aperu vera specialaĵo kiun ni povus fiere svingi super niaj kapoj, devas pasi iom da tempo. Ĝi nepre aperos.

***__Oljga Terentjeva__***

Ni neniam partoprenis organizadon de renkontiĝoj ĝenerale kaj de tiom varma renkontiĝo kia estis la nia.

Estis nur la unua paŝo, tiom malfacila por ni. Certe estis multaj plusoj kaj multaj minusoj. Sed





*Jevgenij Sergejeviĉ Perevertajlo*

ĝeneralaj celoj de la renkontiĝo estis plene atingitaj. Unue – ekparoli en Esperanto, ekhavi praktikon, ĉar en alia, ekstera vivo ni ne havas tiun eblecon – komunikiĝi kun ĉiuj amikoj en Esperanto. Due – ricevi Impresojn, kaj tio estis nia ĉefa celo.

Grava atingo certe estis tio, ke preskaŭ ĉiuj malkrokodilis dum la tuta renkontiĝo, obeante lingvan disciplinon. Tio tre ĝojigis, ja ekde la komenco ni volis, ke tio iĝu ne nur renkontiĝo de esperantistoj, sed Esperanto-renkontiĝo.

Sed ĉefa trezoro de la Esperanto-movado, de ajna aranĝo estas homoj, plej karaj, plej ŝatindaj homoj – esperantistoj. Ja ĝuste kun ili eblas kaj endas ricevi tiujn impresojn! Kaj ankoraŭ unu atingo estis veno de estimataj en Esperanto-medio homoj! Sen ili ja ne eblas.

***Natalja Glaznica***

Junularo estis nia ĉefa celgrupo, sed ankaŭ spertuloj por ni certe tre gravis, ja ĝuste de ili ni povas ricevi sperton pri la vivo kaj pri la lingvo.

Niaj antaŭtimoj estis kaŭzitaj de spertomanko. Unue, ni timis ricevi malprofiton, tial estis malfacile kalkuli kotizojn. Due, ĉar ni kuiris mem, necesis korekte kompili menuon. Niaj mankoj estas, ke ni ne avertis la homojn pri vegetara menuo kaj aĉetis pli da manĝaĵo ol povis formanĝi. Certe pli malfaciligis la aferon tio, ke la organizantoj loĝis en diversaj urboj kaj preskaŭ ne eblis kune pridiskuti ion. Do, estis tre timige fari unuan paŝon kaj anonci la renkontiĝon. Sed post tio jam ne restis vojo reen.



Ni ne volis fari la renkontiĝon tre serioza, ĉar dum la novjaraj festoj homoj ŝatas amuziĝi kaj ne indas ilin seriozigi. Eblas aldoni kelkajn seriozajn programerojn, sed ĝenerale strebi al ora mezo. Certe en E-movado aranĝoj devas ne simili unu la alian. Por sekva fojo ni penos trovi nian

unikan vizaĝon, eble tio estos temo pri kino, teatro kaj fotoarto.

Interese estas, ke al la renkontiĝo venis pli multaj viroj ol virinoj. Tio estis surprizo por ni, sed agrabla surprizo. Mi ne scias ĉu tio estis hazardaĵo aŭ ne. Sed eble tio estos ĉefa specifaĵo de "Impresoj".

Ni dezirus havi pli da homoj dum "Impresoj-2", sed ne tro multe por ne perdi tiun varman, amikan etoson. Mi ankaŭ havas revon aranĝi artan vesperon kaj inviti Leonid Juzefoviĉ (la aŭtoro de "Kazaroza") kaj Daniil Spivakovskij, kiu ludis en tiu filmo, kaj interparoli kun ili pri kreado de "Kazaroza" kaj pri la kinoarto ĝenerale. Kaj certe ĉiuj organizantoj de "Impresoj-2" devas paroli en Esperanto...

***__Irina Gonĉarova__***

La renkontiĝo similas al "Apero". Estu ĝi tradicia. Bonaj tempo kaj loko.

***__Mitja Kolker__***

La renkontiĝo bone pasis, impresoj estas ricevitaj, malgraŭ kelkaj misoj kaj eraroj. Mi ne kontraŭas, ke ĝi estu tradicia. Nur necesas pli multe paroli en Esperanto, sed ne en la rusa. Estu ĝi reala renkontiĝo de esperantistoj, sed ne Esperanto-ŝatantoj. Ne plaĉis krokodilado. Mi preferis silenti, se ne povis ion diri en Esperanto, sed kelkaj ne faris same. Plej memorindaj estis la malfermo, kuirado kaj vesperoj kun la ludo "Uno". Mi deziras al Nataŝa ellerni finfine Esperanton kaj plu organizi homojn por renkontiĝoj ktp. Mi kredas, vi ĉion sukcesos!



***__Aleksej Sinicin__***

La renkontiĝo tute konformis al sia nomo. Multaj impresoj kaj emocioj estas ricevitaj. Mi eĉ bedaŭris hejme, ke ĉio finiĝis tiom rapide. Kiam oni estas inter samideanoj, la vivo estas facila kaj agrabla. La plej valora estas la etoso de la renkontiĝo, la interkompreno. Mia familio estas Esperantistoj! Tempo kaj loko estas taŭgaj. Ĝi distingiĝis de kutimaj renkontiĝoj. Memoriĝis vegana manĝaĵo kaj bonega etoso. Bedaŭrinde, la kvanto de homoj estis ne tre granda, sed ĉio plaĉis al mi. Aliflanke, se estus pli da homoj, necesus pli serioza programo, sed ĉi tie ĉio estis laŭ la humoro. Eble ĝuste tio estas valora. Eblas eĉ fari el tio specifaĵon de la renkontiĝo. Dezirindas daŭrigi la provojn, ne timi, reklami la renkontiĝon vaste, pensi pri nova programo, lerni Esperanton. Mi opinias, ke indas paroligi homojn,

puŝi ilin al tio, kaj ĉio mem evoluos.




***Lena Kuznecova***

Al mi ŝajnas, ke la renkontiĝo konformas al siaj celoj. Estu ĝi tradicia en la sama tempo. La loko post kelkaj jaroj povas esti ŝanĝata depende de evoluo de la renkontiĝo. Tamen estus bone sekvafoje organizi ĝin eĉ en la samaj domoj, ĉar la loko estas oportuna kaj la mastro nin jam konas. Laŭ siaj programeroj (kursoj, metiejoj, ludoj, koncertoj, multe da interparolado – eĉ pri E-movado) verŝajne ĝi similas al kutimaj E-renkontiĝoj. Kio mankis? Nu, por mi certe mankis granda kaserolo. Ankoraŭ oni povus organizi dancojn; mi memoras, ke la organizantoj skribis pri serĉado de diskĵokeo. Al mi plaĉis kaj memoriĝis multe da momentoj: varma etoso, novaj amikoj, improvizaj teatraĵetoj, kolorigado de lampetoj, belega naturo.

***Larisa Jaĥ***

Jes, la nomo estas bonega! Mi volas, ke la renkontiĝo estu tradicia. Mi ŝatis la tempon. Ankaŭ Apudmoskvo estas bona kaj tre oportuna. Espereble la sekva vintro estos pli vintra ol ĉi tiu. Mi neniam vizitis similajn renkontiĝojn. Estas tre bone ludi en Esperanto! Mi ne atendis, ke ĝi estos tiel interesa, tiel gaja kaj tiel utila. Multe da interesaj homoj, mirinde – eĉ el diversaj landoj! Mi tre ŝatis nian teatron! Ankaŭ tre plaĉis al mi la respekto al vegetaranoj, sed bedaŭrinde oni kuiris malrapide, ĉar tie estis nesufiĉe da kuiriloj. Do, dankon! Ne dubu! Tia aranĝo devas esti!

## SUFIKSAJ E-VORTOJ MANKAJ EN LA RUSA LINGVO

### parto 5 [1]

### Sufikso -I-

Kudru, maristo, velaron ŝiman –
Hieraŭ kruelis venteg'.
Gardu, maristo, **Akvion** senliman
Sub nigranuba teg'.
*Ivan Naumov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 2000, 1, p. 17*

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 3 (64) – 6 (67), 2011.

For el **amio**
dediĉ. al Sveta
Min lasis angor',
Sed ne lasis sopir',
Al mi brilas or',
de ama inspir'.
*Grigorij Arosjev, or., Rusio, Eksciu, ke..., Moskvo, 1995, 5, p. 2*

Pri **Amazonio**, nuntempe konsiderata la PULMO DE NIA PLANEDO...
*Esperanto, 2000, 2, dorsa kovrilpaĝo*

Kruko matene rampas en la kuirejon post tutnokta grandioza drinkado. Li aspektas kiel zombio, kaj la plej malgranda bruo martelfrapas lian kapon. La edzino jam sidas ĉe la tablo, kaj rekonas la signojn. Do, ŝi tre, tre zorge kaj malbrue trinkas sian kafon. Subite Kruko krias: Aj aj! Ĉesu palpebrumi!
***(esperanto-anekdotoj)***

Tramoj malabundas tra la tuta **angla-lingvio**, sed Melburno liveras escepton...
*or., Internacia Pedagogia Revuo, 1996, 4, p. 17*

Esperanto-Ligo por Norda Ameriko.
... La ĉefa atingo: eldono de kelkaj tre utilaj libroj. La ĉefa problemo: manko de intereso pri Esperanto en **anglalingvio**.
*Usono, or., Esperanto, 2003, 1, p. 5*

Prof. So Gilsu el Koreio... prelegis pri la orienta penso, interalie pri la metodo de *"Yin"* kaj *"Yang",* la negativo kaj la pozitivo, minuso kaj pluso, kreskinta inter la ĉinaj filozofoj de la epoko *Printempo kaj Aŭtuno* (de la 8a ĝis la 5a jarcento antaŭ la komuna erao). La okcidentanoj nanigis ties signifojn al la pasiva principo de la virina sekso, aŭ genro, kio estas nepensebla en la aktuala feminisma etoso... sed en 1994 oni estis en **antaŭdeluvio** prie. [Verŝajne devas esti *antaŭdiluvio*, rim. de A.Gonĉarov]
*Seikô Yamasaki, or., Japanio, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 17*

**Apalaĉio** neniam taŭgis por profita agrikulturo – la samaj montoj, kiuj konsisitigas la belan pejzaĝon, ankaŭ prezentas malidealajn lokojn por agrikulturo.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

Sole ruzo ĝi estas por veki la menson – por atingi en ties ebura turo, en ties izolejo kaj **azilio**, la enloĝanton, la kaptitan spiriton...
*Eŭgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 100 (apr.2002), p. 7*

Tial stabiligo de **Balkanio** restas eŭropa devo. Tio postulas longdaŭran engaĝon. Se Eŭropo rifuzos pacigi en sia "antaŭĉambro", la eŭropa ideo pri integrado multe suferos. Do la agoj aŭ malagoj de la 15 EU-ŝtatoj dependas, ĉu estonte la mondo serioze traktos Eŭropon.
*Eŭgeni Georgiev, Bulgario, Monato, 2001, 9, p. 7*

... kaj post apenaŭ unu jarcento Islamo kovris la Proksiman Orienton, parton de Azio, ĝis la limo de Ĉinio, **Barbarion** t.e. Magrebon kaj Sicilion ĝis la kolonoj de Herkulo.
*Hugo Röllinger, or., Sennacieca Revuo, 1991, 119, p. 10*

**Ciganio**, krom la propra lingvo, ne malbone posedas ĉiujn eŭropajn lingvojn.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

La ĉe-danubaj landoj – ĉu nomi ilin **Danubio**? – apartenis parte aŭ tute, al la aŭstra-hungara imperio...
*Maria Butan, or., Rumanio, La Gazeto, 72 (okt.1997), p. 30*

Antaŭ membriĝo en EU, Hispanio, Portugalio kaj Greklando estis diktatorejoj. [laŭ mi pli bonus "**diktatorioj**"]
*W.H.Simcock, or., Monato, 1997, 4, p. 10*

Ekssovetio iĝis **Elmigrio**, dum Usono kaj Germanio restas ĉefa altirforto en **Enmigrio**.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

**ESPERIO**, la realiĝinta utopio.
Esperantistojn oni ofte nomas revuloj, utopiistoj. Sed citi ĉiujn iamajn utopiojn, kiuj fine realiĝis, postulus multe da tempo...
*Kribo, or., Akvitanio, Eventoj, 1 (apr. 1996), p. 8*

Aserti, ke romano bonas, povas havi diversajn signifojn depende de la kunteksto: **etnolingvio** aŭ Esperantujo.
*Miguel Fernandez, or., Hispanio, La Gazeto, 105 (mart. 2003), p. 22*

Tiel estiĝas rilatoj multe pli facilaj ol en Eŭropo, almenaŭ ol en **franclingvio**.
*Nicole Piron, or., Literatura Foiro, 140 (dec.1992), p. 325*

Avo Mojŝa promesis al sia nepo aĉeti por li ĉokoladon. Kiam la avo venas hejmen, la nepo demandas:
– Avo, ĉu vi aĉetis por mi ĉokoladon?
– Ne, nepeto, mi ne havis tempon hodiaŭ.
Sekvatage la nepo denove demandas:
– Avo, ĉu vi aĉetis por mi ĉokoladon?
– Ne, nepeto, hodiaŭ la vendejo estis fermita.
Post ankoraŭ unu tago:
– Avo, ĉu vi aĉetis por mi ĉokoladon?
– Ne, ĉar en la vendejo hodiaŭ ne estis ĉokoladoj, nur "ĉupa-ĉupsoj".
– Kaj kial vi ne aĉetis por mi almenaŭ "ĉupa-ĉupson"?
– Memoru kaj estu certa, nepeto, dum via avo Mojŝa estas viva, vi manĝos nur ĉokoladojn.
***(per-esperanto-humuro)***

... kaj Butros Butros-Ghali, eksa ĝenerala sekretario de UN kaj nuna ĝenerala sekretario de **Franclingvio**.
*Marie-France Conde Rey, or., Francio, Heroldo de Esperanto, 1998, 9/10, p. 1*

... kaj estis granda kanel' el **fremdio** ne junklampo kian ni uzis.
*Grace Kirkwood, T.Steele, N.Nicholas, D.Broadribb, el la (malnov)angla, Mary Webb, Malbeno kara, 1994, Beverley, Aŭsralio, p. 5*

Sed ĝia ĉefa kultura signifo estas apartaĵo disde cetera **germanlingvio**: germanlingvaj svisoj ne sentas kulturan identecon kun la najabaraj germanoj kaj aŭstroj.

*Andres Bickel, or., Literatura Foiro, 166 (apr. 1997), p. 61*

En Tiĉino, kiu tradicie rigardas al Italio kaj **Germanlingvio**, la angla lingvo ludas malpli signifan rolon...
*Andy Künzly, or., Svislando, Literatura Foiro, 169 (okt. 1997), p. 277*

Li venis el la sama regiono kiel mi: Galicio apartenas al **Habsburgio**, same kiel Bukovino.
*István Ertl, el la hungara, Fonto, 265 (jan. 2003), p. 11*

Sed, paralele, alitipa – nur estetika – ondo da nekonformismo kaj disidenteco, kun intensa akcento antiburĝa, leviĝas en la tuta **Hispanlingvio** – ĉefe en la amerika flanko – kontraŭ la tiama poezio prozeca, bombasta kaj vakua.
*Miguel Fernández, or., Portugalio – Hispanio, Literatura Foiro, 176 (dec. 1998), p. 298*

Sennacieca Asocio Tutmonda tiel timis la altrudiĝon de naciismoj al la movado, ke ĝi simple forigis la landlimojn el sia geografio kaj indikas la loĝlokojn de siaj anoj per "hor-zonoj", tiel ke laponoj kaj bantuoj situas en la sama "**Horzonio**".
*Eúgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 8 (jan. 1987), p. 3*

Mia blua revo estas aĉeti komputilon kun akcesoraĵoj por ekloĝi **Internetion**.
*el persona letero de Anatolo Gonĉarov, fine de la 90-aj jaroj*

Esperantio estas lingva kulturpopolo, eĉ se fizike ĝin konsistigas nekontinua, disa kulturgento, kun diaspora socia bazo, simple kiel **Judio** kulture ekzistis dum la lastaj du jarmiloj.
*Juan Régulo Pérez, or., Hispanio, Literatura Foiro, 142 (apr. 1993), p. 61*

**Judio** nepre inde subtenos Izraelon ĉe eventuala milito kun **Arabio**.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

**Katolikio** streĉe atentis la vojaĝon de Papo Johano Paŭlo la 2-a.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

La eta E-lingva komunumo **Krucio** meze de l' dezerto en Malsupra Kalifornio, iusence estas e-lernejo.
*Juan Jacobo, or., Internacia Pedagogia Revuo, 1997, 2, p. 13*

Ziko kaj Vittorio kune gvidis la simulludon "Registaro de multlingva lando", en kiu la partoprenantoj, loĝantoj de la fikcia lando **Kukumio**, devis objektive decidi pri la uzo de limigita kvanto da monunuoj por solvi la problemon de edukado de la kukumiaj minoritatoj.
*Grigori Arosiev, or., Rusio, Esperanto, 1999, 12, p. 210*

Unu espero de iaspeca "**malgraŭio**".
*el kolekto de Klara Ilutoviĉ*

Pro la mizeregaj ne vivsufiĉaj pensioj **Maljunulio** ukrainia rapide degelas kvazaŭ panpeco ĉe malsatulo.

*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

La celo de la esploristoj, kiuj laboras ĉefe en la Norda Ameriko, Okcidenta Eŭropo kaj **Nordio**, estas fondi bazon por homoj...
*Sabira Stahlberg, el la angla, Kontakto, 1998, 2, p. 5*

Iam Svedio kaj Danio... batalis pri la superrego en la nuna **Nordio**... **Nordio** kiel ia unuo kun ĝenerale konceptataj komunaj trajtoj kaj klara limo kontraŭ la malnordia ekstero komencis estiĝi nur en la frua 19-a jarcento.
*Kalle Kniivilä, or., Finnlando, La Ondo de Esperanto, 2002, 11, p. 13*

La unua KEF okazis en 1986 en Upsalo (Svedio). Poste la festivalo okazis en **Nordio**, ĝis nun en Svedio, Danlando kaj Finnlando.
*Ritta Hämäläinen, or., Finnlando, La Ondo de Esperanto, 2005, 5, p. 7*

En sia nuna formo EGTYF ekzistas ekde 1990. IOGT estis fondita en 1851 en Utica (**Novjorkio**), Usono. Ĝia fondkialo estis la granda kvanto de alkoholkonsumado...
*Joel Amis, el la angla, Kontakto, 2005, 1, p. 7*

Dume oni facile rimarkas de loko al loko la lertajn spurojn de tradukarto, ekzemple uzo de rimoidoj, parencrimoj, ekzotika rimo (per latinaj); mirindaj vortoj kiel dumo, subo kiela, **pinio** (anstataŭ pinaro, por rimigo) ktp, ktp. Kompeneble, tio ankaŭ montras la avantaĝojn kaj flekseblecojn de la esperanta lingvo kiel tradukilo.
*Hu Guozhu, or., Ĉinio, La Gazeto, 120 (okt. 2005), p. 21*

Franco, italo kaj judo interparolis pri siaj edzinoj.
Diris la franco: “Mi ŝmiris buteron sur la vizaĝo de mia edzino, kaj ŝi kriis dum 20 minutoj.”
Diris la italo: “Mi verŝis saŭcon de spagetoj sur mian edzinon, kaj ŝi kriegis dum unu horo.”
Venis la vico de la judo: “Mi frotis mian edzinon per oleo, kaj ŝi kriegis dum tri horoj.”
Ekmiris la du aliaj kaj demandis: “Tri horojn? Kial tiel longe?”
La judo: “Ĉar mi poste viŝis la manojn per kurteno.”
***juda humuraĵo de Josef Shemer***

... ĉe kiu, interalie, troviĝas kelkaj iliaj projektoj: ankaŭ la vaste legata en la reta **Ruslingvio** elektronika gazeto...
*Slavik Ivanov, or., Rusio, REGo, 2002, 6, p. 14*

En la mezepoko la unuo de produktado, do la bazo de la ekonomio estis la **senjorio***. La **senjorio** dividiĝis en du partojn, la senjora teritorio kaj terkulturistaj huboj. (* Unuo de la feŭda kamparo)
*Seikô Yamasaki, or., Japanio, La Gazeto, 90 (okt. 2000), p. 20*

... nun konata kiel Jozif Brodski, “Johano el **Silentio**, **Marsio**” laŭ poemo de Z.Herbert...
*Miguel Fernandez, or., Hispanio, La Gazeto, 73 (dec. 1997), p. 20*

Post la rakonto “La floroj por leprulo”... jen venas el “**Slovenlingvio**” nova, pli ampleksa verko de Boris Pahor... [“Pilgrimanto inter ombroj”].
*Giulio Cappa, or., Italio, Esperanto, 1993, 10, p. 173*

Kaj komence de 1935 li eĉ fondis propran tribunon por senvualigi la mitojn, kiuj regis ekster Soveta Unio pri la kondiĉoj en **Stalinio**, la revuon “Herezulo”.
*Ulrich Lins, or., Germanio, La Ondo de Esperanto, 1996, 4-5, p. 19*

... vi lasas ĉion en la buso, promenetas kun via pasporto ĝis la dogana konstruaĵo, oni tie stampas vian envenon en la **Ŝengenion** – kaj fino.
*Slavik Ivanov, or., Rusio, REGo, 2002, 6, p. 6*

La progreson de riĉaj landoj pagas la naturo, kie ĉiujare pli kaj pli malgrandiĝas **Ursio**, **Tigrio** kaj aliaj teritorioj.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

**Vegetaranio** havas eĉ sian propran presorganon “Esperantista Vegetarano”.
*Anatolo Gonĉarov, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 1997, 6, p. 39*

## Sufikso -IV-

Jen aŭtoro, kiu havis ion por diri. Lia teksto ne estas artfajraĵo el belstilaj artifikoj. Lia sincera honesta verkaĵo estas sen arogo, sen blufa-pufa literatureco; ĝi estas skribaĵo humila sed **eldiriva**.
*Chris Declerk, or., Literatura Foiro, 135 (febr. 1992), p. 41*

Vidite el flegma posteno en Nordio lia poezio ĝisplue konsiderinde plivaloras ol lia **novelivo**.
*Poul Thorsen, or., Literatura Foiro, 151 (okt. 1994), p. 271*

## Sufikso -ON-

Kaj ĉe ĉiufoja nodofaro (geiĝo) de hundoj sur la pasejo, unu el la gepatroj **disbatonis** ilin aŭ piedbate pelis ilin en arbaron...
*Mao Zifu, or., Ĉinio, La Kancerkliniko, 80 (okt.-dec. 1996), p. 6*

## Sufikso -UJ-

Ĉu esperantistoj kaj litovoj (same kiel ĉiu malgranda nacio) ne havas komunan intereson – enlernejigi sian lingvon eksterlande? Por Esperanto ĉiu **naciujo** estas eksterlando. Ĉu tiu komuna intereso ne povas naski solidarecon?
*Valdas Banaitis, or., Litovio, Litova Stelo, 1998, 6, p. 23*

La ligoj inter anoj de tiu franclingva mondo – la “Francophonie” **(Franclingvujo)** – estas pli proksimaj ol tiuj inter anglaj ekskolonioj. [pli bonus Franclingvio]
*Bradley Kendal, or., Monato, 1993, 10, p. 23*

Tiun ĉi bildon movas ideiloj ĉerpitaj rekte el la spertoj el Esperantujo, **pensujo** pri la serioza neŭtraleco, kiu ja ŝlosile renkontigas nin kun eternaj ekuloj, sed ankaŭ

aliajn fenomenojn prezentas.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Literatura Foiro, 185 (jun. 2000), p. 162*

Kio alia pri vizito al **Meksikanujo**? Interesa sperto estas rigardi el la hotelĉambra fenestro...
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 121 (dec. 2005), p. 11*

Afriko estas vera **malsatujo**, kaj Togolando neniu escepto. [Alia varianto laŭ AG – Malsatio]
*Gbeglo Koffi, or., Kontakto, 1998, 2, p. 3*

### Sufikso -UL-

Pri ĉiu fako troviĝas en klaso mezuloj kaj **pintuloj**.
*Pejno Simono, or., Monato, 1998, 10, p. 30*

Kvankam homa peno ĉiam estas bezonata por progresigi tiajn aferojn, la sukcesoj de pli fruaj **atinguloj** helpegas nin.
*Kep Enderby, or., Aŭstralio, Heroldo de Esperanto, 1998, 14, p. 1*

Sur la urbocentra Placo de Floroj frumatene kolektiĝas trideko da junuloj kun ses grandaj afiŝoj pri temoj kiel E-gazetoj... Sur granda tablo prezentiĝis flugfolioj kaj kvindeko da plejdiversaj verkoj en Esperanto... Oni disdonis informilojn, kaj sur la stratoj promenis **sandviĉulo**.
*Marija Beloševič, or., Kroatio, Esperanto, 1993, 11, p. 187*

En la atendejon ĉe la kliniko de d-ro Bloom, konata specialisto pri artrito, eniris maljunulino. Ŝi apogis sin per irbastono kaj estis tre tre kurbiĝinta. Ŝi tiom kliniĝis, ke ŝajnis ke ŝia kapo baldaŭ tuŝos ŝiajn genuojn.
Kiam ŝi eliris el la kuracista kabineto la atendantoj surprizite vidis, ke ŝi fariĝis malkurba kaj pli bone marŝas, kun la kapo supren.
Demandis ŝin unu el la pacientinoj: “Kiun miraklon faris al vi la doktoro?”
Respondis la maljunulino: “Miraklo-Ŝmiraklo. Li donis al mi pli longan bastonon.”
***juda humuraĵo de Josef Shemer***

Kial vekiĝis neniu el nunaj saĝaj **rezonemuloj**, kiuj povis konvinki teroristojn, ke ili jam ne murdu milojn da pluaj senkulpaj usonanoj. Ĉu **cerbumuloj** evidente subtenas ĉiujn teroristojn...
*Jaroslav, or., Ĉeĥio, Monato, 2003, 1, p. 7*

Kiam la limpolico perforte kaj **ulkvarope** estis portinta la povrulon en la aviadilon...
*Pejno Simono, or., Monato, 1994, 12, p. 4*

Sed kiam ili restis sen rezulto li pledis por la vivo de la **siauloj**...
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, 1964, p. 41*

Krome li, konfidante al mi tiun epizodon, jam **sesdekulis**...

*Renervo Daŝo, Monato, 1990, 10, p. 24*

... kiu mi estas? – Homo. Estaĵo viva. – Ho, ne! Tio sufiĉos nur por **kelkuloj**, por ekstremaj saĝuloj (legu stultuloj). Iu statistikulo devas esti, ruso, ĉino, arabo, katoliko, islamano **kotopoulo**.
*Radoslaw Novakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 178 (apr. 1999), p. 67*

Li tamen ne iris laŭ unu el tri vojoj: juĝisto, prokuroro aŭ advokato, sed eklaboris por **eksterleĝula** bando por senpage kaj laŭplaĉe drinki kiam kaj kiom ajn.
*Hans Jasik, or., Japanio, Riveroj, 22 (nov. 1998), p. 27*

Tio estas lingvo vireca, rekta, trafa, neniel simila al hontaj lamentoj de politikaj almozpetantoj, al marĉandado de senvertebraj ministroj, al submetiĝo de ĉiam konsentemaj **jesjesuloj**.
*Raymond Schwartz, or., Francio, Kiel akvo de l' rivero, Dansk Esperanto Forlag, 1958, p. 357*

La pridemandadon akompanis bongusta kuko bakita de lia edzino, mia jugoslavia **patrinulo**.
*Choe Taesok, or., Koreio, La Espero en Koreio, 1992, 4, p. 14*

La trafiko, ĉiam pliiĝanta, postulis ĉiam pli kaj pli da kontanto. Foiral faris novan proponon. *Ni iru ĉiuj al Perpignan – jes la tuta trupaĉo! Ni marŝos en la bankon, klakos la biletojn sur la tablon kaj montros al la* ***ĉemizuloj****, kien apartenos la mono. Knaboj, ni lasos ilin sen unu franko.*
*Reto Rossetti, el la angla, Norda Prismo, 1957, 3, p. 136*

En 1953 Patrino Tereza kun 28 **fratulinoj** transloĝiĝas al nova sidejo en Lower Cincular kaj en 1955 ŝi malfermas novan hejmon, la unuan por infanoj... [fratino – hejme, fratulino – monakineje – *rim. de A.G.*]
*Judit Felszeghy, Femina, 7, 2006, p. 4*

Mi estis prezentita al ŝi ĉe familia festeno de mia amiko. Apud la tablo ni estis aranĝitaj unu apud la alia. Kiam la konfitaĵa plado ĉirkaŭvagadis, mi transprenis ĝin de mia **najbarulo** kaj servoprete tenis al ŝi. Sed ŝi kapneis.
*Sándor Szathmári, Kain kaj Abel, HEA, Budapest, 1977, p. 205*

En la Centra Oficejo ni renkontas, dank' al la **serpent-pantalonulino**, Osmo Buller, kiu...
*Esperanto, 10, 2006, p. 207*

Sentabue li prozas pri oldiĝo de putinoj, pri violento, **travestiuloj** kaj **transseksuloj**, putinistoj... Umas en lia prozo ne la kabinetaj, anekdotaj E-putinoj de Beaucaire, sed la matraculinoj anonimaj...
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Esperanto, 1999, 7/8, p. 133*

La 12a Internacia E-Semajno okazis en... Katalunio. ... Salvador Aragaj gvidis superan kurson, kiu estis ĉeestata de multaj "**semajnuloj**".
*Luis Serrano Pérez, or., La Ondo de Esperanto, 2004, 11*

La milito inter **por**- kaj **kontraŭuloj** de neologismoj.
*el kolekto de Klara Ilutoviĉ*

... okazis meze de junio la unua renkontiĝo de la prezidantoj de la du plej potencaj mondaj fortoj (laŭ armila senco): Usono kaj Rusio. Elektiĝinte la usona prezidanto George Bush longe prokrastis renkontiĝon kun sia rusa **malulo** Vladimir Putin.
*Zlatko Tiślar, or., Slovenio, Monato, 2001, 9, p. 8*

En ĝi partoprenis **universitatuloj**, ĉiuj esperantistoj, nome, profesoro Miura Nobuo, lekciisto Tam Hirojuki...
*Voĉo (Japanio), 2000, 6, p. 2*

Anna troviĝis antaŭ tablo, aliflanke majeste sidis la Barono, kun kasko sur la kapo... La ses ceteraj **ledojakuloj** marse kaskumitaj duoncirkle ĉirkaŭis Annan.
*La Gazeto, 107 (jun.2003), p. 27*

### Sufikso -UNT-

... al tiuj kiuj malavare kaj entuziasme pagis por partoprenantoj, al **partoprenuntoj** (junuloj kiuj kandidatiĝus kaj partoprenus se ili domaĝe ne havus jam tiom da farendaĵoj).
*Jozeph Truony, or., tejo tutmonde, 1997, 1, p. 12*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## KLARIGO PRI LA KONGRESO

Estis mi, kiu petis Mikaelon Bronŝtejn verki artikolon pri la Rusia Esperantista Kongreso, kiu okazis oktobre 2011 en Ĉeboksari.

Bronŝtejn tuj avertis min, ke li konsentas, sed skribis, ke "eble la artikolo ne estos tio, kion vi ŝatus vidi". Do, leginte la artikolon "Marĝene de la Lingva Festivalo", mi havis nek formalajn, nek realajn riproĉojn pri ĝi. Sed nepre necesas fari unu precizigon kaj unu klarigon.

La precizigo rilatas al la vortoj "REU donacis al mi taŭgas kaŭzon".

Efektive la kaŭzo estis donacita, ĉar REU kovris ĉiujn vojaĝ- kaj loĝkostojn de Mikaelo Bronŝtejn kaj Marija Koĉetkova, kiel de invititaj kantistoj. Ial tio ne estis rekte menciita, sed laŭ mi estas mencienda. Temis pri sufiĉe alta monsumo (almenaŭ ĝi estis tia por la kaso de REU). Rezulte REU anstataŭ danko ricevis "Baladon pri bierrevuloj" kun la ridinda averto "ĉiuj aludoj kaj koincidoj estas tute hazardaj". Mi aŭdis la kanton dum la koncerto de Bronŝtejn kaj aprezis ties ironi(ec)on, tamen mi ne supozis, ke la bizara teksto estos publikigita, des pli – akompane al la artikolo.

La klarigo rilatas al la ĝenerala kritiko kontraŭ la kongreso (notu bone: kongreso, ne REU-Konferenco!), pli ĝuste – ties malamaseco, kvazaŭmagra programo ktp., kaj ke pri ĝi (kvazaŭ) kulpas REU kaj ĝia Estraro. REK estis planita en Ĉuvaŝio ne ĉar tio estis pli oportuna por la Estraro aŭ mi mem. Sendube, okazigi kongreson en Moskvo aŭ iu pli proksima urbo estus pli oportune, aŭ eĉ komisii la organizadon al iu fora urbo en Uralo/Siberio kaj nur perrete kontroli, helpi kaj sekvi

la laboron. Sed estis elektita Ĉeboksari, ĉar laŭ mi tion postulis tempo kaj la ĝenerala situacio: Junulara E-Asocio de Ĉuvaŝa respubliko (JEAĈR) lastan fojon apartenis al REU en 2008, kaj do estis taŭga momento partoprenigi ĉuvaŝiajn (fakte: ĉeboksarajn) esperantistojn en la landan movadon. Okazigo de la kongreso estis tute bona ŝanco, kaj la interkonsento kun JEAĈR estis atingita. Sendube ĉefa kerno de la kongreso devus fariĝi (kaj fariĝis) Lingva Festivalo (LF), kiun povus partopreni ĉiuj esperantistoj, venintaj al la kongreso. Tia estis la origina ideo, kaj neniu kontraŭis ĝin.

Liberajn lokojn en la programo devis plenigi ekskursoj, koncertoj kaj la Konferenco de REU. Ĉio okazis laŭ la anticipa plano. Venis neniu plendo pri malbona organizado – ĉio funkciis, lokoj en buso sufiĉis, ĉio okazis ĝustatempe ktp. Mi ne menciu, kiom da nervoj kaj tempo ni (mi kaj lokaj esperantistoj, ĉefe Aleksandr Blinov) "pagis" por ke ĉio okazu orde. Same mi ne menciu detalojn de kelkaj konfliktetoj kaj problemoj, kiuj neeviteble okazis inter la organizantoj, sed feliĉe ĉio estis priparolita kaj solvita. Sed estas du demandoj: kiu kulpas, ke JEAĈR-anoj ĉiujn fortojn direktis al organizado de sukcesa LF, kaj ke ili ne havis tempon kaj deziron partopreni la kongreson? Neniu.

Certe, ne la JEAĈR-anoj mem. Sed ankaŭ certe ne REU. Kiu kulpas, ke Ĉeboksari situas ne tre oportune el geografia vidpunkto, kaj ne tre multaj homoj el aliaj regionoj povis atingi ĝin oktobre, en ne-feria sezono? Neniu.

Rezulte: sendube la ĉeboksara kongreso ne fariĝis elstare sukcesa, tamen ĝi estis tute bona en la aktualaj cirkonstancoj. Ni (REU, JEAĈR) faris ĉion, kion ni povis. Mi ne hontas pri la rezulto kaj dankas A.Blinov pro ĉio, kion li faris por la kongreso. Sed sendube la sekva kongreso devas fariĝi pli bona.

***Grigorij Arosev (Moskvo)***

## LIA LASTA VOJAĜO

La 19-an de januaro 2012 (naskiĝis 19.05.1931) en moskva hospitalo post nelonga malsano forpasis veterano de nia Esperanto-movado Vladimir Vladimiroviĉ Korĉagin.



Fizikisto, matematikisto, Korĉagin konatiĝis kun la lingvo Esperanto printempe de 1957. Aprile de la sama jaro li jam komencis instrui la lingvon en rondeto por 6 dezirantoj. Tre gravan rolon havis en la plua aktivado de Vladimir Korĉagin lia renkontiĝo kun tiama aktiva E-filatelisto Leo Vulfoviĉ, kiu iĝis lia amiko por longaj jaroj.

Estis Leo, kiu informis lin, ke somere en Moskvo enkadre de Tutmonda Festivalo de junularo kaj studentoj planatas renkontiĝo kun eksterlandaj esperantistoj. Kune kun aliaj moskvaj esperantistoj (M.Giŝpling, N.F.Danovskij, I.V.Sergejev, J.Sergejeva, M.Glovinskaja, L.Bokarjova k.a.) V.V.Korĉagin aktive prepariĝis al la Festivalo. En

lia laborejo oni sciis pri lia okupo, eĉ liberigis por 3 semajnoj por partopreni la Festivalon. Ĝuste en tiu tempo venis al Esperanto la disĉiploj de V.V.Korĉagin kaj lia kunlaborinto B.V.Tokarev, J.A.Fridman (la onklo de V.V., ĵus reveninta el ekzilo) kaj kelkaj aliaj. En la prepara periodo laŭ iniciato de E.A.Bokarjov estis invitita el Estonio esperantisto Siitam, kiu gvidis intensan kurson laŭ la metodo de Andreo Ĉe en la Instituto de lingvoscienco por paroligi moskvan esperantistaron. La lecionoj de Siitam "malnodis la langojn". Multnombraj renkontiĝoj kun eksterlandaj esperantistoj, planitaj kaj ne tre, entuziasmigis moskvajn esperantistojn por plia aktiva interkorespondado. Vladimir Vladimiroviĉ multe kaj detale rakontis pri la Festivalo, montris filmojn kaj fotojn, tiu evento lasis nevorviŝeblan spuron en lia Esperanto-vivo.

En la paĝaro <http://www.miresperanto.narod.ru/historio/korchagin.htm> eblas legi liajn rememorojn.

Post la Festivalo iu interna forto pelis V.V.Korĉagin-on krei organizon de junaj esperantistoj, kiuj ardis plu aktivi. La grupon eniris J.Sergejeva, M.Giŝpling, K.Duniĉev, V.Prisekin, N.Ĥoves, B.Tokarev, L.Bokarjova, L.Vulfoviĉ, M.Glovinskaja, V.Zlotnikova kaj multaj aliaj. La grupo ekhavis la nomon "Fajrero", komence oni kolektiĝis en diversaj lokoj, eĉ en privataj loĝejoj. Iom poste estis ricevita loko en unu el ejoj de aŭtomobil-ŝosea instituto ĉe la metrostacio "Aeroport". La grupo kreskis rapide, jam printempe 1958 ĝi havis 50-60 personojn. Funkciis pli ol 30 E-rondetoj en diversaj entreprenoj, institutoj kaj societoj de Moskvo. Tre granda laboro estis dediĉata al propagando de Esperanto. Dum festoj estis organizataj grandaj grupmarŝoj kun flagoj kaj sloganoj, kiuj transformiĝadis al etaj mitingoj. En ĉi laboro multe helpis kaj aktive partoprenis Nikolao Ritjkov – antaŭnelonge reveninta el ekzilo aktoro de la teatro "Lenina Komsomolo".

J.Sergejeva gvidis teatran rondeton, kiu preparadis programerojn por ripozvesperoj de esperantistoj. Literaturan rondeton gvidis N.F.Danovskij, kiu instruis al dezirantoj tradukarton. Ĝiaj aktivaj partoprenantoj estis B.Tokarev kaj M.Giŝpling.

Somere 1958 estis organizita tendaro en la teritorio de "Alka Insulo". Ĉiuj grupkunvenoj estis detale preparitaj, ofte estis gastoj, ekzemple la ambasadoro de Vjetnamio en USSR Nguyen Van Kinh, profesoro D.L.Armand, venadis eksterlandaj gastoj el Pollando, Hungario, Anglio, Finnlando, Germanio. Tre interesaj estis renkontiĝoj kun bulgara profesoro T.Todorov.

Multe da tempo kaj fortoj forrabadis ĉe la estraro de "Fajrero" streboj oficialigi la ekziston de la grupo. Multfoje oni turnis sin la Centra Komitato de VLKSM, Komitato de Junularaj Organizoj. Rifuzoj ne estis. Respondoj ankaŭ. Eĉ okazis akcepto ĉe Adĵubej (tiam ĉefredaktoro de "Komsomoljskaja Pravda"). Sed post nelonga konsulto ĉe "iu", li respondis, ke tio estas neĝustatempa.

Dum oficvojaĝo en Armenio en 1959-1960 Vladimir Vladimiroviĉ havis okazon renkontiĝi kelkfoje kun profesoro G.G.Sevak kaj aliaj armenaj esperantistoj. En 1961 Korĉagin eklaboris en fermita firmao, t.n. "poŝta kesto", kio plene ekskludis eblecon okupiĝi pri Esperanto.

Denove ekaktivis Vladimir Vladimiroviĉ jam en la 70-aj jaroj. Poste li iĝis aktiva partoprenanto kaj preleganto de Moskva klubo de sciencistoj-esperantistoj

"Scio", tre aktive ekvizitadis la klubon "Lev Tolstoj".

Lia hejmo ĉiam estis malfermita al liaj amikoj, samklasanoj, amikoj de liaj filinoj kaj nepoj. En ĉiu homo, tago, ago, evento li serĉis kaj vidis nur bonon, agrablon kaj ion belan. Lia strebo kaj ekposedo de novaj teknologioj mirigis ĉiam nin. Li perfekte posedis novajn komputilajn programojn, ĉiam interesiĝis pri io nova. Pri ĉiu evento partoprenita li faris filmetojn, raportojn, li estis perfekta rakontanto!

Homoj de ĉiuj aĝoj adoris lin, ĉar li mem estis juna kore kaj anime! Ekde 2008 Vladimir Vladimiroviĉ aktivege partoprenis niajn eksterlandajn, ne ĉiam facilajn, vojaĝojn. Kaj neniam li plendis, pri ĉio kontentis kaj humuris! Li estis vera entuziasmulo, enciklopedio de scioj kaj konoj! Kune kun li ni perdis tutan tavolon de E-historio! Sed restis post li multaj belegaj fotoj, filmetoj, rakontoj de liaj familianoj pri lia bunta riĉenhava vivo!

Li revis forpasi dumvoje, bedaŭrinde, lia lasta vojaĝo en alian mondon estis iom malfacila por li kaj ni ĉiuj! Helan memoron al tiu neordinara Homo!

***Svetlana Smetanina (Moskvo)***

## Kormemore al V.V.Korĉagin

Kaptas la raba malsano
Plu sen kompat' kaj skrupul'.
Mortis la samideano –
La okdekjara junul'.

Sonis al voĉ' de vojaĝo
Lia preteca respond'.
Ĉu multaj en granda aĝo
Spiras vastecon de l' mond'?

Kora scivolo lin gvidis
Dank' al la lingva senbar'.
Landojn kaj homojn li vidis
Per kaj por la amikar'.

Vigla, vigliga, viglama
Estis li je la anim',
En bonvolem' la ĉiama
Laŭ l' amikeca kutim'.

Lin Esperanto inspiris
Per sia vivsimfoni'.
L' samideano foriris...
Perdu neniun plu ni!..

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

# Bulteno de REU

kompilas kaj redaktas Grigorij Arosev, redaktofino – la 31.01.2012.

## REU okazigos seminarion por E-intruistoj




Rusia Esperantista Unio kaj Eŭropa Jurscienca Universitato "JUSTO" organizas porinstruistan seminarion speciale por helpi en metodiko de instruado.

**Dato**: 30.03 – 01.04 (tri plenaj labortagoj).

**Loko**: Eŭropa Jurscienca Universitato "Justo", Moskvo (stratadreso: 6-й Новоподмосковный переулок, 6).

**Programo**: Prelegoj pri metodiko, gramatiko, montraj modelaj lecionoj, praktikaj duonhoroj, interŝanĝo de sperto, konsultoj pri prepariĝo al internacia skriba KER-ekzameno, diskutoj, ekzameno por dezirontoj pri instrurajto kun ricevo de diplomo de "Justo".

**Kondiĉoj**: Partopreno en la seminario estas senpaga. Kafopaŭzoj estos je kosto de REU. Loĝado estos en privataj hejmoj de moskvaj esperantistoj. Se vi havas propran varianton por loĝi (amikoj, parencoj) – uzu ĝin. Se vi povas aranĝi por vi oficvojaĝon, REU povos sendi al vi personan invitilon. La trajn(flug-)biletojn ĝis/el Moskvo partoprenantoj pagos mem. Dum la seminario funkcios librobutiko, kie vi povos aĉeti librojn, lernilojn kaj ion alian.

Turisma programo ne estas antaŭvidata. Kiu planas ĝin, venu pli frue aŭ restu post la seminario.

Kontribuoj, ideoj, prezent(iĝ)oj por la seminario estas bonvenaj!

Pri via partopreno bonvolu anonci ĝis la 1 de marto 2012 ĉe la adreso <arosev@gmail.com >.

Ĉiujn demandojn pri la programo bonvolu adresi al Svetlana Smetanina, reprezentanto de ILEI en Rusio. Telefonnumeroj: +7-499-1874508, +7-926-608-32-44, retadreso: <svsmetanina@yandex.ru>.

## REU-premio en 2011

En 2010 la estraro de REU lanĉis ĉiujarfinan premion. Ĝin ricevas rusiaj esperantistoj, kiuj havas apartajn meritojn antaŭ la landa movado, do temas ne nur pri aktivado en/por REU.



Andrej Grigorjevskij
foto el lia paĝo ĉe *Facebook*

La laŭreato en 2011 fariĝis Andrej Grigorjevskij, kiu estas premiita pro sia multjardeka aktivado, kadre de kiu li gvidis multegajn E-kursojn kaj organizis kelkajn klubojn en diversaj urboj, ĉeforganizis la unuan internacian E-aranĝon en nia lando – IJK en 1995, dum kelkaj mandatperiodoj prezidis REU, estis redaktoro de periodaĵoj, kaj lastatempe faras grandegan ne-tuj-videblan laboron – prizorgas la retejon <reu.ru>, kiu en la nuna tempo estas gravega instrumento de la agado.

En 2010 la laŭreatoj fariĝis Anatolij Ivasenko (pro vigligo de E-movado en Krasnodara regiono) kaj Georgij Kokolija (pro redakta kaj eldona aktivado).

## Pri la urba konkurso kaj aliaj E-aktivaĵoj en Glazov

***Olga Ŝilajeva, Glazov***

Oktobre'2010 en la urbo Glazov, kiu troviĝas en la norda parto de Udmurtio, estis organizita E-klubo, kaj nun tie estas 7 konstantaj klubanoj. En la klubo oni gvidas kursojn por komencantoj kaj progresantoj. Kursgvidantoj estas Roman Jefremov kaj Olga Ŝilajeva.



Olga Ŝilajeva
foto el ŝia paĝo ĉe *Vkontakte*

La kurs-sezono por komencantoj daŭras ekde oktobro ĝis junio, kaj homoj post la kurso jam ne ŝajnas esti komencantoj, sed preskaŭ "spertuloj". La ĉefa lernilo estas tiu de B.Kolker: "Internacia lingvo Esperanto. Plena lernolibro", kaj krome ni uzas aliajn lernolibrojn kaj instrumaterialojn, ekzemple de la retejoj Lernu.net kaj Edukado.net. Certe lecionoj ne okazas sen ludoj, filmoj, kantoj ktp. Dum kurso por progresantoj ni ankaŭ ludas, filmas kaj babilas pri diversaj temoj, kiuj estas komunaj por ĉiuj.

Partoprenantoj de nia klubo aktive vojaĝas. Somere Roman kaj Olga veturis al Kievo por partopreni la 67-an Internacian Junularan Kongreson. Ekde infanaĝo ni revis ĉirkaŭveturi la tutan terglobon, ekscii pli multe pri diversaj kulturoj, havi

amikojn tra la tuta mondo.

Antaŭ la veturo al la IJK ni iomete hezitis, ĉu ni povos bone kompreni homojn el diversaj landoj kaj facile paroli kun ili, ja ĉiu havas sian propran manieron de Esperanta parolado. Sed ĉio pasis sukcese. Oni ne povas priskribi emociojn, kiujn ni ricevis, parolante kun esperantistoj de la tuta mondo. Sep kongresaj tagoj pasis en la etoso de amika interkomunikado, ili estis plenaj da diversaj eventoj, interesaj eltrovaĵoj kaj observaĵoj, kaj finfine okazis renkontiĝo kun amikoj, kiujn ni konis ĝis nun nur per interreto. Hejmen ni revenis plenaj da energio kaj novaj ideoj.

Fine de la oktobro'2011 ni eksciis, ke en nia urbo okazos konkurso "Junularo – por evoluo de la urbo". Ni decidis partopreni tiun konkurson. Tiam ni ne havis celon gajni ĝin, sed ni intencis almenaŭ rakonti al la urba gvidantaro pri ni, glazovaj esperantistoj, kaj pri nia agado. Kiam ni laboris pri la projekto, hazarde aperis ideo planti Aleon de esperantistoj en nia urbo, por ke ĉiu esperantisto (ĉu glazova, ĉu eksterurba aŭ eĉ eksterlanda) povu planti tie sian propran arbon.

Do ni verkis projekton, faris prezenton kaj sukcese atingis la konkursan duonfinalon. La finalo mem okazis la 23-an de decembro. Entute estis 11 konkursantoj. La konkurs-komitato dividis ĉiujn projektojn en du partojn – sociaj kaj komercaj. Nia projekto "Esperanto-kurso en Glazov" gajnis la unuan premoin inter sociaj projektoj. Kaj plej grave – la konkursa komitato permesis al ni planti la Aleon, eĉ proponis por tiu celo lokon en la centra placo de nia urbo – Placo de Libereco!

Kelkajn tagojn antaŭ la prezentado al ni venis bona ideo – inviti ĉiujn partoprenantojn de la konkurso lerni Esperanton. Ni intencas kolekti novan grupon, kies anojn ni instruos dum tri monatoj kaj poste, se la homoj volos, ili restos inter ni kaj fariĝos esperantistoj. La enkonduka leciono okazis la 27-an de decembro.

Ni kore dankas REU pro la sendita subtena letero, kiu, ni esperas, ludis ne lastan rolon en nia venko dum la konkurso.

Krome, kadre de la decembra Zamenhof-festo glazovaj esperantistoj donacis al la loka centra biblioteko lernolibron kaj vortarojn en Esperanto. La 15-an de decembro ni aranĝis festan programon por niaj klubanoj kaj lernantoj – okazis teumado, konversacioj kaj spektado de filmoj.

Do, esperanta vivo kaj sincera amikeco en Glazov prosperas! Ni invitas ĉiujn en nian urbon! Bonvenon!

## Refoje pri la "Kampanjo 125"

En la jaro 2012 Esperanto fariĝas 125-jara. Lige kun tio UEA planas okazigi kelkajn aranĝojn. Inter tiuj estas vasta informado de amaskomunikiloj pri la lingvo. Al ĉiuj landaj asocioj de UEA estis sendita teksto, kiun oni devas traduki en sian nacian lingvon kaj proponi al lokaj amaskomunikiloj.




Laborgrupo, konsistinta el Aleksandr Verŝinin, Vjaĉeslav Ivanov, Andrej Grigor-

jevskij kaj Grigorij Arosev tradukis kaj adaptis tekston, kiun oni povas libere disponigi. Fine de la teksto bonvolu mencii iujn datumojn (telefonnumeron, retadreson) de lokaj esperantistoj, por ke ĵurnalistoj povu kontakti se havos demandojn.

La teksto estas prenebla en la reto <http://reu.ru/prenu/gazetarkomunikoesperanto125.doc> aŭ petebla rekte ĉe la estraro. Se vi ne scias, kiel kaj kien sendi la tekston, same kontaktu la estraron.

## Skvaro "Esperanto" en Moskvo: malsukceso

Предложение о присвоении наименования «Эсперанто» скверу в районе ул. Новочерёмушкинская рассмотрено на заседании Городской межведомственной комиссии по наименованию территориальных единиц, улиц, станций метрополитена, организаций и других объектов города Москвы 5 октября 2011 года и не было поддержано.

В соответствии с Законом города Москвы от 08.10.1997 № 40-70 (ред. от 24.12.2008) «О наименовании территориальных единиц, улиц и станций метрополитена города Москвы» и постановлением Правительства Москвы от 27 августа 2002 года № 704-ПП «О городской межведомственной комиссии по наименованию территориальных единиц, улиц и станций метрополитена города Москвы» присвоение наименований скверам в городе Москве не предусмотрено.

С уважением,

Председатель Комитета А.В. Чистяков

Printempe'2011 moskva esperantisto, aktivulo de la klubo "Scio", Ergard Budagjan proprainiciate skribis al la moskva registaro, proponinte doni nomon "Esperanto" al unu el sennomaj (kio gravas) skvaroj, situanta ĉe la strato Novoĉerjomuŝkinskaja. Baldaŭ post tio Ergard proponis ke ankaŭ REU aliĝu al la afero pere de sendo de kelkaj leteroj al la registaro.

La leter-interŝanĝo ne estis rapida, sed rezulte bedaŭrinde la afero ne estis subtenita – meze de la decemro'2011 estis ricevita oficiala definitiva rifuzo.

Se iu vidas en la registara respondo iujn jurajn makulojn, kiujn ni povas utiligi – bonvolu sciigi.

## "Eĥo planety" pri Esperanto

En la ruslingva gazeto "Eĥo planety" ("Эхо планеты"), kiun eldonas novaĵagentejo ITAR-TASS, decembre aperis artikolo "Под знаком зелёной звезды" ("Sub la signo de la verda stelo"), kiun aŭtoris Radĵab Mamedov. Plena teksto de la artikolo troviĝas en la reto: <http://www.ekhoplanet.ru/history_2033_14649>.




Ĝenerala tono de la artikolo estas tute amika al Es-

peranto, tamen s-ro Mamedov ne evitis multajn faktajn erarojn. Ekzemple juna Zamenhof estis nomita "Ludovik" (dum lia denaska nomo estis Lazar), estis liverita malĝusta aserto, ke fine de la vivo Zamenhof parolis pli ol 20 lingvojn, ktp.

Kadre de privata korespondado (pere de la socia reto "vkonakte") Mamedov ruslingve skribis jenon: "Mi pretigis la artikolon nur dum 3 tagoj. Tial malĝustaĵoj povas okazi – verŝajne, kulpas malperfektaj fontoj. Ĉefe temas pri interreto. Mi strebis memorigi al leganta publiko pri ĉi tiu elstara lingvo kaj laŭeble revigligi intereson al ĝi. Sed pro la malgranda amplekso de la artikolo mi devis rifuzi de pluraj interesaj aferoj, ligitaj kun Esperanto. Mi ne estas esperantisto, sed la lingvo ĉiam estis impona por mi. Tial mi verkis la artikolon kun plezuro".

## Nerekonita kotizo

La 29-an de decembro 2011 ĉirkaŭ la 08:00 matene tra Yandex-dengi venis 250 rubloj de iu "vishnev.yu", plia klarigo forestis. La paginto ne sinanoncis ĝis nun. Se iu scias pri kio/kiu temas, bonvolu informi la estraron.

## REU-kotizoj por 2012

# – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo, pagata ĝis la 29-a de februaro 2012: 200 rubloj (por eksterKSŜanoj – 20 eŭroj).**
**– individua kotizo ekde la 1-a de marto 2012: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**
*Inkluzivas membrokarton, Jarlibron en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera; la Jarlibro aperos komence de 2013), Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2012.*
*NB! Pagante jarkotizon antaŭ la 29-a de februaro vi ne nur helpas REU, sed ankaŭ ŝparas iom da propra mono. Se oni pagas la kotizon ne persone al kasisto, dato de pago estas kontrolata laŭ poŝtkvitanco.*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**
*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum tuta vivo de membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**
*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas min.por 5 membroj).**
*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kluboj kun 10-15*

*aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se klubo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**
*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

## Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой

**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392

3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.

4. Tra **Sberbank**.
– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0012 682622 kaj necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri ĝirita sumo kaj nomo(j) de homo(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

# Eksciu, ke...

## ARANĜOJ EN UKRAINIO

De la 29-a de aprilo ĝis la 09-a de majo 2012 okazos tradicia, jam la 24-a, E-festivalo "Aroma Jalto". Ĉiuj informoj pri la aranĝo kaj la aliĝilo troveblas ĉe <http://aromajalto.ukrainio.org.ua/>.

La 18-an – 25-an de aŭgusto 2012 en Lviv okazos aranĝo, dediĉita al 100-jariĝo de ukrainia skolta movado. Pastro Serhij Prudko ekinteresis Skoltan E-Ligon pri la jubileo, kaj al la aranĝo planas veni delegacio de diverslandaj skoltoj. Estus bone, se rusiaj esperantistoj kontaktu siaurbajn skoltajn organizaĵojn, rakontu pri la jubileo kaj proponu trapasi E-kurson. Kontaktadreso estas <prudko@bigmir.net>.

Dum proksima somero sinsenkve okazos ankoraŭ du E-aranĝoj: IKBE-78 (Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj), dum 13.-20.07, kaj MIaMU-2 (Mikaelo Invitas, aŭ Malkovru Ukrainion), dum 23.-30.07. Ĉeforganizanto de ambaŭ aranĝoj estas Mikaelo Lineckij, detalaj informoj troveblas ĉe la adreso <http://www.lineckij.org.ua/front.files/Page859.htm>.

Pri la blinduloj. Estus bone, se ankaŭ pri IKBE-78 rusianoj kontaktu la lokajn blindulajn organizaĵojn; kontaktadreso en Rusio – Anatolij Masenko <masenkoai@mail.ru>.

## UEA INVITAS AL TERMINOLOGIA TREJNADO

Subtene al siaj junaj membroj, UEA ofertas al du studentoj la eblon partopreni trejnadon pri terminologio en la Universitato de Vieno ekde la 8-a ĝis la 14-a de julio ĉi-jare. Instruos mondfamaj profesoroj pri terminologio kaj faka komunikado. Studentoj povos ricevi ses universitatajn poentojn (laŭ ECTS) pro partopreno en tiu ĉi intensa unusemajna kurso, post kiu eblos ekzameniĝi kaj, kaze de sukceso, ricevi oficialan atestilon de Terminologia Manaĝero, agnoskitan en 18 EU-landoj.

UEA pagos la kotizojn por la aranĝo, vojaĝkostojn, restadon kaj unusemajnan bileton por la publika trafiko en Vieno. Kandidatiĝojn oni sendu al la komisiito de UEA pri terminologiaj instancoj, Mélanie Maradan, <maradan@uea.org>. La limdato por kandidatiĝoj estas la 8-a de aprilo 2012.

Kiu opinias tian instigon al faka laboro subteninda kaj volas ebligi terminologiajn aktivadojn ankaŭ en estonteco, povas donaci al "Fondaĵo Wüster", la speciala fondaĵo de UEA por tiu celo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

La paroĥestro de Bervalo renkontas Krukon dimanĉe posttagmeze.
Paroĥestro: Kruko, mi kompatas vian edzinon. Ĉi-matene en la meso ŝi tiel forte tusis, ke ĉiuj ĉeestantaj paroĥanoj rigardis ŝin. Kion ŝi do havas?
Kruko: Novan ĉapelon, sinjoro paroĥestro.

***(esperanto-anekdotoj)***

# HISTORI-KULTUROLOGIAJ PRELEGADOJ MEMORE AL INOCENTO ĴUKOV



La 17-an de decembro 2011 en Moskva urba palaco de infana kaj junulara kreado (MUPIJK) oni aranĝis Histori-kulturologiajn prelegadojn omaĝe al Inocento Ĵukov kaj la 90-a datreveno de la pionira organizaĵo. Ĝin organizis la Centro de kulturologia klerigado kaj la Muzeo de infana movado de MUPIJK. La prelegadojn partoprenis 15 personoj el MUPIJK-fakoj, Rusia instituto de kulturologio, Unuiĝo de pedagogiaj esploroj en la nomo de M.V.Agapov-Taganskij, Milit-patriota unuiĝo “Saljut” k.a. Oni ankaŭ invitis la nepinon de Inocento Ĵukov, Inna Kirillovna Postnikova, kaj min. Por la prelegadoj oni produktis specialan signeton kun la portreto de Ĵukov.

Dum la prelegadoj raportis 8 personoj. La raportoj grandparte estis dediĉitaj al la pedagogiaj atingoj kaj heredaĵoj de Ĵukov, kies la plej gravan vivoparton konsistigis instruado de geografio en mezlernejoj kaj organizado de infana movado antaŭ kaj post la Granda Oktobra Socialisma Revolucio. Krome Ĵukov, kiel skulptisto-meminstruito, dum libertempo tre sukcese okupiĝis pri skulptado kaj iĝis vaste konata skulptisto. Dum la prelegadoj oni demonstris multajn fotojn, inkluzive tiujn el la familiaj albumoj, alportitaj de la majstra nepino.



Mia elpaŝo estis dediĉita al fervora agado de Inocento Ĵukov pri apliko de Esperanto al infaneca movado – skolta kaj pionira. Mi ankaŭ detaligis la enhavon de miaj artikoloj en Vikipedio (“Inocento Ĵukov”) kaj en la retejo <erbu.narod.ru> (“Novaĵo pri Inocento Ĵukov”). Plimulto de la ĉeestantoj antaŭe sciis nenion pri tiu ĉi flanko de la vivo de Ĵukov kaj ekinteresiĝis. La intereso al Esperanto eble kaŭzos utilajn sekvojn.

Sur la foto, farita de N.A.Aleksandrova, estas la aŭtoro kaj I.K.Postnikova.

***Ergard Budagjan (Moskvo)***

# AKTORINO VIDA JERMAN FORPASIS



La elstara kroata esperantista aktorino Vida Jerman forpasis la 10-an de decembro en Zagrebo en la aĝo 72 jaroj. Ŝi naskiĝis la 28-an de majo 1939. Kroataj amaskomunikiloj, kiuj vaste raportis pri ŝia forpaso, karakterizis ŝin kiel legendon de la kroata teatro. Saman statuson ŝi akiris ankaŭ en la Esperanta teatro.

Vida Jerman diplomiĝis en la Zagreba Akademio de Dramarto. Ŝi laboris en diversaj teatroj kaj rolis en pluraj filmoj, interalie en *Kiu kantas, malbonon ne planas* de Kreŝimir Golik (1970), konsiderata la plej bona kroata filmo de ĉiuj tempoj, kaj *La elekto de Sophie* de la usona reĝisoro Alan Pakula (1982).

Al la Esperanta teatro Jerman kontribuis ekde 1973, kiam ŝi aliĝis al la Drama grupo de Studenta Esperanto-Klubo de Zagrebo kaj debutis en *Doktoro Rosales* de G.Silfer. Antaŭ la monda publiko ŝi famiĝis en la 71-a UK (Pekino, 1986) per la monodramo *Virino, kiu flustris en uragano* de S.Štimec. Ŝi aktoris ankaŭ en multaj aliaj UK-oj, prezentante i.a. *Amo per proverboj* de A.Azevedo en Havano (1990; kun Saša Pilipović), *Inventante ke mi sonĝas* de J.Agustín en Adelajdo (1997), *La rompita virino* de S. de Beauvoir en Montpeliero (1998), *La poto* de Ŝ.Alejĥem en Tel-Avivo (2000), kaj *La plej longa tago de Maria Theresia* kaj *Judita* de la kroata verkisto Miro Gavran, respektive en Zagrebo (2001) kaj Pekino (2004). Plurajn verkojn ŝi ripetis ankaŭ en postaj UK-oj kaj prezentis ilin ankaŭ en IJK-oj, SAT-konferencoj kaj aliaj renkontiĝoj.

Kun grupo de artistoj el Zagrebo Vida Jerman fondis en 1997 la teatran trupon "Ponto", kies arta direktoro ŝi estis. Krom en Esperanto, la trupo prezentis ankaŭ en aliaj lingvoj. En 1996 ŝi publikigis la sonkasedon *Teatra vespero de Vida Jerman*. Ĝi estas registraĵo de *Inventante ke mi sonĝas* kaj de la recitalo de kroataj poetoj *Izolulo*, kiun ŝi prezentis i.a. en la 79-a UK (Seulo, 1994). Ŝi estis membro de la prezidantaro de Kroata Esperanto-Ligo, longtempa membro de UEA kaj fakdelegito pri teatro. En 2010 la Estraro de UEA rekonis ŝiajn grandajn meritojn al la Esperanto-kulturo per Diplomo pro Elstara Arta Agado. En 1997 la prezidento de Kroatio distingis ŝin per ordeno pro ŝia kontribuo al la teatra arto kaj prezentado de la kroata kulturo en- kaj eksterlande.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## VERKISTINO ELI URBANOVÁ FORPASIS



Ĉeĥa Esperanto-verkistino, Honora Membro de UEA Eli Urbanová forpasis la 20-an de januaro 2012 en Prago. Ŝi naskiĝis la 8-an de februaro 1922. Profesie instruistino, ŝi esperantistiĝis en 1948 kune kun Štefo Urban, ŝia edzo ĝis 1955 kaj aŭtoro de la versa fablaro "Nova Ezopo" (1961). Ambaŭ membriĝis en la Praga Esperanto-Klubo en 1949 kaj baldaŭ ekverkis en Esperanto. Jam en 1940 Eli Urbanová aperigis poemaron en la ĉeĥa. En la periodo 1952-1957 ŝi ricevis dek premiojn en literaturaj konkursoj, i.a. la unuan premion pri poezio en la Belartaj Konkursoj de UEA en 1954 .

Fortan impulson al la verkado de Urbanová donis ŝia amikiĝo kun Julio Baghy, kun kiu ŝi ekkorespondis en 1952 kaj kiu vizitis Pragon en 1956. Ŝi aperigis la poemarojn *Nur tri kolorojn* (1960), *El subaj fontoj* (1981), *Verso kaj larmo* (1986), *Vino, viroj kaj kanto* (1995), *Peza vino* (1996; dulingva, kun ĉeĥa parto tradukita de Josef Rumler), *El mia buduaro* (2001), *Rapide pasis la temp'* (2003) kaj *Prefere ne tro rigardi retro* (2007). Ŝiaj poemoj aperis ankaŭ en la kolektoj *Kvarfolio* (1976) kaj *Eli Urbanová – nuntempa Esperanta poetino* (2005), kaj en *Esperanta antologio* (1958 kaj 1983). Ŝia literatura ĉefverko tamen estas la ampleksa aŭtobiografia romano *Hetajro dancas* (1995), pro kiu ŝi ricevis la OSIEK-premion en 2001.

Eli Urbanová multe artikolis pri Esperanto en la ĉeĥa kaj instruis la lingvon. En 1957 ŝi estis unu el la fondintoj de Internacia Verkista Asocio. IVA funkciis dum deko da jaroj kaj estis en 1983 sekvita de Esperantlingva Verkista Asocio, en kiu ŝi ankaŭ membris. De 1975 ĝis 1980 ŝi estis juĝanto pri poezio en la Belartaj Konkursoj de UEA. En 2003 OSIEK dediĉis sian konferencon en Prago parte al ŝia verkaro. La prelegaro, titolita laŭ la konferenca temo "Intimaj temoj en la Esperanto-beletro", aperis en 2005.

Membro de la Akademio de Esperanto ŝi estis de 1986 ĝis 1995. En 1982 Eli Urbanová fariĝis honora membro de Ĉeĥa Esperanto-Asocio. En 1996 ŝi ricevis la saman distingon de UEA, al kiu ŝi aliĝis jam en 1950.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## IJK DUFOJE SINSEKVE EN AZIO

Post necerteco pri la loko de la 68-a Internacia Junulara Kongreso post la subita rezigno de Japana Esperanto-Junularo, la Estraro de TEJO decidis okazigi ĝin en Hanojo (Vjetnamio), kiu ĉi-jare gastigos ankaŭ la 97-an Universalan Kongreson de Esperanto. Decidita estis ankaŭ la loko de la TEJO-kongreso en 2013. La 69-a IJK okazos en Israelo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

*Kiel vi povis legi en la antaŭa numero de REGo, la eldonejo "Impeto" okaze de sia 20-jariĝo anoncis konkurson de literaturaj recenzoj. Ĉi-sube vi povas konatiĝi kun du recenzoj el inter la senditaj por la konkurso.*

## Pri "Esperanto kaj vivo" de V.V.Samodaj

Min pardonu pro l' verva insisto
Aŭ la plej bondezira persvad':
Jena libro de l' Esperantisto
Vere indas je nepra legad'.

Kavojn, montojn, abismojn alfrontas
Ĉio strebe al granda renom'.
"Esperanto kaj Vivo" rakontas
Pri la lingvo, la tempo, la hom'.

Kiom luktas dumvoje kaj spertas
La aŭtor' kaj la lingvo sen ĉes'!
"Esperanto kaj Vivo" avertas
Pri bataloj por venka sukces'.

Dokumentoj brulige atestas
Dornan vojon "tra densa mallum'".
"Esperanto kaj Vivo" sugestas
Pliajn fortojn sub tondroj kaj fum'.

Se venena maljusto sufokas
Kaj kuraĝ' estingiĝas en kor',
"Esperanto kaj Vivo" alvokas
Ne rompiĝi pro fal' kaj dolor'.

Landoj, urboj, impresoj, eltrovoj.
Bunte vastas la viv' kaj la mond'.
Novaj sentoj, aspiroj kaj povoj.
Savu nin la pli verda estont'!

Por ĝin krei honoran motivon
Oni trovu sen prema timid'.
Esperanto sanigu la vivon,
Kaj la vivo ĝin uzu en fid'.

***Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***




# NOVA REALISMO DE MIKAELO BRONŜTEJN AŬ ETA TRAKTATO PRI LEGANTO

***Mikaelo Bronŝtejn: "URBO GOBLINSK", eldonejo "Impeto", Moskvo 2010***

Kion legas averaĝa literatur-amanto? Kiuj temoj, motivoj, rakontoj plej bone konvenas al plimulto? Mi asertus: ia speco de eskapisma literaturo – tiu kiu ofertas ion alispecan, esceptan; esceptajn lokojn, sciojn, esceptajn personojn, esceptajn travivaĵojn, esceptan amon aŭ esceptan suferon, esceptan ordinarecon malantaŭ kiu sin kaŝas escepta rakonto aŭ escepta sekreto pri iu momento de feliĉo aŭ de amo aŭ de inspiro... Escepte! Ĉar ni vivas ordinare, normale, eble grize kaj enue, leporkore – ne eksponante sin ĉar ni ne estas stultaj kiel Don Quijote aŭ Emma Bovary, ni konas la lokon al ni destinitan, sed tamen ni amas tiun esceptecon kiun la literaturo ofertas: eĉ tiam kiam ni ne identiĝas kun ĝi, kiam ni verdire ne fuĝas al alies vivoj, ilia eksciteco (vera eksciteco aŭ ekscita potenco de amo, de malamo, de kompato, memoro, de kio ajn) amuzigas, antaŭ ĉio, kaj iufoje inspiras – ni bezonas tiun impulseton de eta fido je potenco de deziro, de volo esti pli bona aŭ almenaŭ alia. Vere, tiu leganto ne estas malbona!

Sed, kion li faros kun "Urbo Goblinsk". Ja ĝi ne apartenas al la plej disvastigita populara "ĝenro" – ĝi ne estas fantazio, ĝi ne estas parfumita kaj dekorita, ĝi ne prudentigas, sed fiodoras kiel malmultekosta vodko (verdire senodora), fiodoras kiel fabrikhaloj kaj grizeco de la ordinara vivo. En urbo Goblinsk estas 90-aj jaroj de la 20-a jarcento, dum kiuj en ekssocialismaj landoj okazas privatigo de komuna posedaĵo, aŭ transiro el socialismo/komunismo al kapitalismo, kiam sociaj posedaĵoj fariĝas proprietaĵo de individuoj, t.e. de homoj estintaj la plej elturniĝemaj – legu: la plej malhonestaj kaj la plej fortaj – jen Sovaĝa Okcidento en eŭropa Oriento. Malmultaj ekssocialismaj landoj, ŝajnas al mi, evitis tion, kaj en tiuj okazaĵoj kreiĝis grandaj sociaj kontrastoj kaj ruiniĝis socia kohereco. Ne ekzistas vera aŭtoritato, neniu obeas leĝojn, aŭ oni kreas leĝojn kiuj ebligas misuzon. Danĝera tempo. Kadro kiu demoralizas, des pli se la leganto vivas en tiuj landoj kaj pli volonte legus ion konsolan, ion nerealisman. Ĉar, kvankam la ĉefheroo (se oni povas tiel diri) estas nia homo, esperantisto, t.e. homo de espero kaj morala ulo, nur naivulo supozas ke la romano finiĝos per "happy end". Cetere, la romano ne estas hazarde titolita "Urbo Goblinsk", nome, kiel tion citas la aŭtoro, Goblinoj laŭ Vikipedio estas: "*etrangaj estaĵoj de la angla mitologio, similaj al homoj, sed malpli altaj, monstraspektaj kaj malicaj. Tre rapidaj kaj agresemaj. Kapo de G. similas tiun de ĉevalo, la okuloj estas flavaj kun vertikala pupilo, la oreloj estas longaj, la barboj – kojnoformaj. Tiuj ĉi estaĵoj posedas dentojn kaj ungegojn bestajn.*" Kaj Goblinoj, aŭ laŭ kroata verkisto Marin Držić: mishomoj – regas. Kaj, vi kredu, iliaj apetitoj en ĉi tiaj tempoj plifortiĝas; ekssocialisma socio por ili estas sveda tablo de kiu ili povas preni kion ajn ili volas – kun eta interpuŝado kun aliaj ŝarkoj.

Mi skribas ĉion ĉi tiel ke ŝajnas ke la temo kaj la okazaĵoj en la romano estis in-

teresaj por mi. Ja, ili estis interesaj. Interesaj masoĥisme ĉar ankaŭ tio estas parto de leganta sperto. Nome, mi memorigu vin pri tiel nomata kritika realismo, kies verkistoj esperis ke priskribo de la realo ankaŭ servos al ĝia modifado, ke homoj konsciiĝintaj kia vere estas la realo ion faros por ĝin plibonigi. Tial en la romano mi vidas iun novan realismon, novan socian kritikon, kiu eble... aŭ eble ne? Kaj la masoĥismo situas en tio, ke mi rekonis mian negativan sperton, sed min feliĉigas la fakto ke mi ĝin kundividas kun aliaj homoj. Tial min "konsolis" rakonto pri veraj "ŝoseaj rabistoj" en Rusujo; almenaŭ tion ni en Kroatio ne havis, kvankam post la milito ni estis sufiĉe armitaj.

En iu parto de la romano mi eĉ bone amuziĝis. Temas pri la ĉapitro okazanta la 7-an de novembro 199..., dum mitingo festanta datrevenon de Granda oktobra revolucio. Okazis tio dum antaŭbalota tempo kaj multaj volis eluzi la okazon.

*"Sub la ĉeenireja viziero de la urbodomo forte tenis megafonon ĉebuŝe la urbestro Petrovskiĥ, ĉirkaŭita de kolegaramaseto.*

*– Kamaradoj! – lia multsperta voĉo de iama propagandestro enbatadis la vortojn en la amason, malsekiĝantan sube. – Kamaradoj! Nur de ni dependas la sorto de nia urbo! Ni ne permesu al malhonestaj personoj uzurpi la regon super nia kara urbo! Mi insistas, ke ĉiu, kiu ne estas indiferenta por sia sorto kaj por la sorto de siaj familianoj, nepre venu decembre al la balotoj kaj faru ĝustan elekton! Pacan kaj satan vivon mi promesas al vi, kaj vi scias, ke mi, diference de aliaj kandidatoj, plene respondecas pri miaj promesoj!..*

*– Ne, sinjoroj! Voĉdonu por la unio de la dekstraj fortoj! – el inter la amaso ekkriis junulino en ŝika mantelo. – Ni scias, kiel fari vin riĉaj!*

*– Riĉaj! Bonfartaj! Ni scias! – subtenis ŝin dika junulo, evidente, ŝia akompananto. – Ĉiuj estu riĉaj!*

*– Ne kredu la dikulon! Ŝtelisto li estas! – aŭdiĝis ies voĉo el buba kompanieto, staranta dekstre de la ŝtuparo. – Voĉdonu por la liberal-demokratoj! Minorov estas nia urbestro! Minorov!*

*– Mi-no-rov! Mi-no-rov! – organizite ekskandis la bubaro.*

*– Ĉi-iuj ili estas ŝtelistoj! – akute kriis avinjo kun nigra ombrelo, tordata de la vento.*

*Ial ĝuste tiu ĉi krio entuziasmigis la tutan amason.*

*– Ŝte-lis-toj! Ŝte-lis-toj! Ŝte-lis-toj! – blekis la pensiularo, kvante la plej granda ĉi tie, kaj la pli juna parto de la mitingantoj pretervole subtenis, superante la organizitan amaseton de liberal-demokratoj. Ŝte-lis-toj!"*

En la romano okazaĵoj estas "ordinaraj" kaj malbelaj, espero de leganto renkonti heroon kaj prosperon estas malgranda, sed tamen oni legas plu, oni iras al la fino kun dividitaj sentoj – ĉu la romano servas por katarso, ĉu ĝi donas esperon aŭ vekas revolton, se nin jam ne amuzas ĉi griza rakonto. Leganto, vi tralegu mem; viaj atendoj, via legado, respondos parte al via demando kiu estas vi mem, kaj malplektiĝo de la romano akcentos tion ankoraŭ pli: ĉu vi estas kontenta kaj ĉu vi atendis tian finon, demandu vin; kaj mi povus, laŭ via respondo al vi diri kiu kaj kia vi estas. Sed, ion mi scias jam nun: se vi legas, vi ne estas mishomo, vi ne estas Goblino – ili ja ne legas alian krom borso-sciigojn, post ilia ekregado en Goblinsk. Legu do, legu, naiva masoĥisto, mia kara samideano!

***Zdravko Seleš (Kroatio)***
***represo el "Tempo" № 112, oktobro 2011***

# BONVENON AL "APERO"!

Karaj esperantistoj, samideanoj miaj!

La tradicia E-renkontiĝo de EK MASI "Apero-6" okazos la 16-an – 18-an de marto 2012 en apudmoskva bien-ripozejo "Jerŝovo". Por la partopreno estas invitataj ĉiuj esperantistoj, speciale komencantoj kaj progresantoj, kiuj emas evoluigi sian E-paroladon aŭ jam bone parolas Esperanton. La aranĝo pasos en pure Esperanta medio, ĉiuj programeroj kaj aliaj komunikadoj okazos nur en Eperanto. Neparolantajn Esperante lingvostudantojn mi kore invitas al psikologia trejniĝo per dudiurna silentado inter viglaj E-parolemuloj.

La plentempa partopreno kostas 3000 rublojn, kio inkluzivas loĝadon en 2-3-lokaj ĉambroj kun 2 tranoktoj, 3-fojan abundegan kaj varian manĝadon, aliĝ- kaj programkotizojn. La loĝĉambroj troviĝas en aparta dometo kun necesejo kaj duŝejo koridore, ankaŭ kun granda ripozĉambro, kie pasos la komunaj endomaj aranĝoj. Ĉar la dometo situas en pitoreska naturo kaj la ripozejo disponigas diversajn distraĵojn kaj sportaĵojn, ni multe amuziĝos ankaŭ eksterdome.

Komence de la februaro al "Apero" jam aliĝis pli ol 30 personoj. Se ankaŭ vi volas aliĝi, bonvolu sendi vian plenan nomon al la adreso de la organizantoj <apero6@mail.ru>. Bonvolu fari tion laŭeble plej rapide, ĉar se estos multaj dezirantoj, eblos mendi aldonajn lokojn. Kaze, se vi estas moskvano, bonvolu transdoni al Irina Gonĉarova aŭ Garik Kokolija dekonon de la monsumo – 300 rublojn (ĉar la organizantoj devas antaŭpagi la dometon). Se vi ne estas moskvano, simple informu pri via alveno kiel eble plej baldaŭ!

Ĉiuj kontribuoj al la programo estos arde akceptataj! Speciale tiuj, kiujn "Aperoj" ankoraŭ ne spertis! Por la programkontribuantoj estos rabatoj.

P.S.: Pliajn detalojn ricevos la aliĝintoj.

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***



# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2012


Nina Zueva

*Vasilij Devjatnin* (1862 – 1938) – 150 jaroj
*Timofej Ŝĉavinskij* (1862 – ?) – 150 jaroj
*Kazimierz Bein (Kabe)* (1872 – 1959) – 140 jaroj
*Antonina Borovko-Ĉajkovskaja* (1872 – 1948) – 140 jaroj
*E-renkontiĝo kadre de Junulara Festivalo en Moskvo* – 55 jaroj
*Fondo de Moskva junulara E-grupo "Fajrero"* – 55 jaroj
18.01 – *Sofija Soskina* – 60 jaroj
21.01 – *Eŭgeno Miĥalski* (1897 – 1937) – 115 jaroj
27.01 – *Marko Zamenhof* (1837 – 1907) – 175 jaroj
27.02 – *Anatolij Radajev* – 55 jaroj
29.02 – *Feodor Postnikov* (1872 – 1952) –140 jaroj
18.03 – *Miĥail Povorin* – 50 jaroj
23.04 – *Ivan Ŝirjaev* (1877 – 1933) – 135 jaroj
11.05 – *Tatjana Auderskaja* – 60 jaroj
16.05 – *Nikolaj Lozgaĉev* (1957 – 1998) – 55 jaroj
11.06 – *Antoni Grabowski* (1857 – 1921) – 155 jaroj
11.06 – *Valentina Spicina* – 70 jaroj
19.06 – *Pavel Volkov* – 40 jaroj
07.07 – *Julij Muraŝkovskij* – 60 jaroj
08.07 – *Jefim Zajdman* – 75 jaroj
18.07 – *Valentin Melnikov* – 55 jaroj
26.07 – *Unua Libro* – 125 jaroj
09.08 – *Vladimir Izosimov* (1947 – 1998) – 65 jaroj
09.08 – *Anatolij Kazakov* – 60 jaroj
13.09 – *Aleksandr Ŝevĉenko* – 55 jaroj
19.09 – *Nikolaj M. Fedotov* (1902 – 1998) – 110 jaroj
19.09 – *Nina Zueva* – 70 jaroj
20.09 – *Anatolij Sidorov* – 50 jaroj
22.09 – *Marija Prilepskaja* – 65 jaroj
08.10 – *Viktor Kudrjavcev* – 55 jaroj
14.10 – *Boris Tokarev (B.Tornado)* (1927 – 1994) – 85 jaroj
07.11 – *Jelena Ŝevĉenko* – 50 jaroj
12.11 – *Vladimir Varankin* (1902 – 1938) – 110 jaroj
14.11 – *Ernest Drezen* (1892 – 1937) – 120 jaroj
24.11 – *Anatolij Masenko* – 75 jaroj
09.12 – *Valentina Sibirceva* – 60 jaroj
23.12 – *Nina Djomuŝkina* – 55 jaroj


Sofija Soskina


Miĥail Povorin